# Aŭstria Esperantisto

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro (A. E. D.), Esperanto-Delegitaro de Wien (E. D. W.), Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista (T. E. L. F.) kaj Universala Esperantista Pacifista Ligo (U. E. P. L.)

**1a Jaro. No. 2** **Monata** **Septembro 1924**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg apud Wien, Hovengasse 12, II, 13

**Kunlaborantoj!** Skribu legeble, retenu kopion, aktualaĵojn sendu ĝis la 1a de l'monato Manuskriptoj ne resendataj.

Jarabono: Por Aŭstrianoj kaj Germanoj 20.000 aŭ. K, Alilandanoj 2.50 svis. fr.

## POST LA XVIa.

Pasis jam la XVIa kongreso en Wien. Sed restas ankoraŭ la XVIa kongreso en nia koro. La urbo de Wien, kun ĝia historio, kun ĝia kulturo, kun ĝiaj palacoj kaj monumentoj kaj precipe kun ĝiaj popoloj ĉiam gajaj, estas tute neforgesebla, pro tio la kongreso lasas al ni mirindan impreson pli grandan ol iam. Kiom da gajeco, kiom da varmeco kaj kiom da frateca sento plenigis la atmosferon de la kongresejo, kiu starante apud la fama Karlskirche, vere prezentis al ni bildon de momenta paradizo. Kiel la pilgrimantoj al Jerusalemo kaj kiel la Mahometanoj al Mekka, ni tiun ĉi jaron estis en Wien. Estas ĉi tie, ke oni interŝanĝas la homan ideon, komunikas la homan senton, estas ĉi tie, ke oni revivigas la homamon jam multe forgesitan kaj perditan, kaj estas ĉi tie, ke oni laboras por la paco, por la homaro.

Mi ankoraŭ memoras pri la grandioza festo de la malferma kunsido. Mi ankoraŭ memoras pri la pacifista manifestacio, kiam la paca kanto kaj la porpaca parolado sonis en miaj oreloj. Kaj mi ankoraŭ memoras pri la teatra prezentado tiel bela kaj sukcesdona.

Ĉu iu amas pacon kaj la homaron? Venu almenaŭ unufoje al Esperantista kongreso! Ĉu iu ne kredas, ke Esperanto povas kunligi la homan senton kaj realigi la homan pacon? Konstatu la fakton de la XVIa kongreso en Wien!

*W. Kenn*, **Peking (nun Lyon).**

## DUA KONGRESO DE LA TUTMONDA POLICA LIGO

Wien, 28. ĝis 31. aŭgusto 1924.

De 28. ĝis 31. de aŭgusto 1924 okazis en Wien la dua fakkongreso de la Tutmonda Polica Ligo.

La kongresa komitato aranĝis jam la antaŭan tagon vespere grandan propagando-kunvenon. Ĉeestis proks. 120 policistoj, inter ili la centr.-insp. d-ro Lossigh, reg.-kons. d-ro Schulz kaj pol.-kons. d-ro Buchsbaum. Krome partoprenis s-ro Smital kiel reprezentanto de l' Esperanto-Delegitaro de Wien.

La kunveno komenciĝis per kantoj bone prezentitaj de anoj el la Wien-a kantunuiĝo. Poste distr.-insp. Hirz malfermis la kunvenon per salutvortoj al la partoprenantoj. La ĝen.-dir. de la Ligo kaj eldonanto de la fakgazeto „La Policisto" A. de Marich paroladis pri la taŭgeco de nia komuna helplingvo Esperanto kaj montris praktikajn ekzemplojn. Poste Hirz referatis pri la esenco kaj deveno de Esperanto, pri la movado ĝenerala kaj speciala. Li atentigis pri la nepre necesa enkonduko de help-

lingvo en la polican servon, menciis la diversajn malhelpaĵojn kaj fine petis la neesperantistajn kamaradojn, iom post iom aliĝi nian movadon kaj studadi la lingvon.

Poste tre lerte parolis s-ro Smital, prezidanto de la Delegitaro. Li pritraktis la esperantan movadon laŭ diversaj vidpunktoj, inter kiuj li ĉefe celis la praktikan uzeblecon de nia lingvo, speciale inter la polico. Longdaŭra aplaŭdo rekompensis lin.

Tre interese parolis ankoraŭ distr.-insp. Čapka kaj pol.-kons. d-ro Buchsbaum. Fine Hirz fermis la propagandan vesperon per vivekvoko al nia movado.

La 28an de aŭgusto je la 9a komenciĝis la solena kongresmalfermo. Partoprenis la samnombra kolegaro el Wien, Linz, Salzburg, Budapest, Dresden, Leipzig, München. Krome alvenis sekcia ĉefo d-ro Seydl kiel reprezentanto de la ministerio por eksteraj aferoj, vicurbestro Emmerling, ĝendarma landdirektoro d-ro Burg, kortega konsilisto d-ro Lossigh, d-ro Dressler, polica direktoro d-ro Schulz, Tandler, polica korespondanto Wilhelm, pol.-kons. d-ro Buchsbaum, policaj superaj komisarioj d-ro Schneider, Schuster kaj Schmutterer.

La ĝenerala prezidanto de la Ligo Schober malfermis la kongreson per afablaj salutvortoj germanaj kaj esperantaj, dezirante plej bonan sukceson. La kantunuiĝo kantis la himnon kaj rikoltis grandan aplaŭdon. D-ro Seydl salutis la kongreson en la nomo de la registaro, vicurbestro Emmerling en la nomo de la urbo Wien. Sekvis salutparoladoj de diversaj kongresanoj alilandaj. Posttagmeze okazis la unua laborkunsido.

La 29an de aŭgusto antaŭtagmeze oni studvizitis la polican muzeon kaj la identigan oficejon. La kolektaĵoj kaj aranĝaĵoj tie bone impresis kaj imponis la kongresanojn. Posttagmeze je la 4a okazis la dua laborkunsido, dum kiu tre interese referatis Frenzel (Linz) pri la higiena polico, Hirz (Wien) pri historio de l' Wien-a kaj Aŭstria polico kaj distr.-insp. Stanislavky pri la kolekto de materialo por fakterminaro.

La tria laborkunsido okazis la 30an je la naŭa antaŭtagmeze. D-ro Toth referatis pri la organizo de la Hungarlanda polico, Roboz pri la infanpolico.

A. de Marich fermis la kongreson per fajraj vortoj al ĉiuj partoprenintoj kaj menciis, ke venontjare la kongreso okazos en Kopenhagen. Sekvis la fotografado de la kongresanoj. Posttagmeze okazis studvizitoj de la Wien-a polica lernejo en Schwarzenberg-Kaserne.

*Franz Hirz*, Wien.

## OOMOTO.

S-ano B. Selzer, Wien, letere demandis japanan korespondanton sian pri tiu interesa nova sekto kaj disponigis al ni la ricevitan respondon supozeble ĝenerale interesantan.

**Esperanta Propagando-Asocio**
Ajabe **Kioto** Japanujo

Ajabe, la 13an de majo 1924.

Sinjoro tre estimata!

Kun kora plezuro mi legis vian leteron kaj mi sincere dankas por viaj demandoj pri Oomoto-instruado. Oni nun presas priskriban libreton esperantan, kiun ni volonte sendos al vi tuj kiam ĝi estos preta. Mi do sciigas al vi hodiaŭ nur mallongajn elementojn de Oomoto; por la detaloj bonvolu turni vin al la broŝuro, kiun ni baldaŭ povos sendi al vi.

Oomoto eknaskiĝis kun Kamigakari de la kreintino Nao Deguĉi en 1892. (Per Kamigakari oni signifas „Dioposedo“ aŭ „esti en spirito“.) Post la morto de ŝia edzo ŝi devis batali kontraŭ ĉiuspecaj mizeroj kaj doloroj plej maldolĉaj imageblaj. Unu tagon ŝi estis subite ĵetita en la staton de Kamigakari kaj el ŝia propra internaĵo elparoliĝis malgraŭvole laŭte voĉo, kiu diris mirindajn antaŭdirojn kaj admonojn.

Ĉe tio la najbaroj pensis, ke ŝi estas ekposedita de frenezo, tamen ŝi mem

estis tute klare konscia kaj bone konvinkita, ke ŝi estas ĉe ŝi. Ŝi ne volis esti rigardata kiel freneza, ŝi do petis al sia interna estaĵo, ke ĝi kvietiĝu; kaj tiam ĝi ordonis: „Prenu la plumon!“



La vortoj ŝin konfuzis, ĉar verdire ŝi neniam antaŭe lernis skribi, ŝi estis efektive senaboculino, sed obei al dia ordono ŝi devis; ŝi prenis sekve plumon, kiu moviĝis aŭtomate kaj aperis vortoj unu post la alia sur la papero, kaj tiamaniere la sankta skribo fariĝis.

Estas ja rimarkinde, ke en la Skribo oni trovas detalajn profetaĵojn pri gravaj mondaferoj, sorto de l' homaro kaj ceteraj multaj avertoj, kiuj ja efektiviĝis akurate siatempe sen eĉ la plej malgrandaj eraroj. La grandan mondmiliton kaj la tertremegon en Tokio lastjare, la kreintino antaŭskribis jam en 1892. Ŝi profetis ankaŭ, ke venos Reformiĝo aŭ la lasta Batalo de l' homaro, predikita en la biblio, kaj ŝi admonis, ke ĉiuj homoj faru konfeson kaj adoru Dion.

Noblega estis la karaktero de la Patrino Nao kaj ŝi kondukis viron ĝuste konforman al la leĝoj de Dio. Ŝi diris, ke ŝi estas la Johano kaj atendas la alvenon de la Kristo, kaj tiu Kristo aperis — li estas Wanisaburo.

Li (oni nomas lin Ĉefo aŭ Majstro) naskiĝis la 12an de julio 1871 en vilaĝo Anao, proksime de Kioto; jam de sia infaneco li montris eksterordinaran miraĵon; en la aĝo de 28 jaroj li estis gvidata de Dia sendito al la monto Takakuma, kie li travivis senantaŭekzemplan praktikon de anima asketismo en la daŭro de unu semajno. Dank' al tio li ricevis mirindan povon travidi, aŭdi, komuniki, diveni ĉion, tute egale pri tempo kaj spaco; li sciiĝis perfekte la veran staton de la universo; li antaŭsciis jam pri la aferoj, kiuj okazos post centmiloj da jaroj. Li posedis sekve ĉiujn necesajn kvalifikojn por la savonto de la mondo. Li resanigis sennombrajn malsanulojn per la potenco de animo kaj de vortoj: blindulo ekvidis, lamulo ekmarŝis. (Tio respondas al la Baptado de Kristo.)

Li venis al Ajabe per mirinda aranĝo de Dio, kaj sindoneme laboradis por la bono de l' homaro. Okazis tamen en 1920 Oomoto-afero pro la miskompreno kaj antaŭjuĝo de la registaro: tio estas oni leĝe atakis la Sanktan Skribon, en kiu oni trovis, ke Wanisaburo estas la reĝo elektita de Dio. Oni do ĵetis la Ĉefon en malliberejon por duonjaro, kaj kondamnis lin al penega laborado kvinjara, sed la afero pendas ankoraŭ ĝis hodiaŭ sen decido.

La aŭtoritatoj registaraj konstante turmentas kaj persekutas la anojn de Oomoto, rompante la tombon de Kreintino, kun la preteksto, ke ĝi havas similecon al la tombo de imperiestro, kaj detruante la Sanktan Diejon sur la monteto Hongu, tio estas la Oliv-monto, per la helpo de 3000 soldatoj, kiuj ĉirkaŭis la monteton. (Sescent sesdek ses bestoj staris en la sankta loko.)

La Oomoto-anoj estis profunde ofenditaj kaj ĉagrenitaj je ĉio ĉi tio; ili elportis tamen la abomenaĵon de dezertigo kun subpremita pacienco, ĉar la Sankta Skribo jam antaŭe montris tiujn samajn okazintaĵojn. Dume la majstro Wanisaburo, tiam liberigita kaŭcie, publikigis la rakontojn el Spirita Mondo. (Oni nuntempe preparas traduki Esperanton tiujn rakontojn.) Ili kaj la Sankta Skribo aperis videble por prediki la evangelion de Dia Regno tra la tuta mondo.

Ĉiuj ekzistantaj religioj kaj iliaj gefondintoj estas nur antaŭkurantoj de la vera Savonto Wanisaburo, kiu estas destinita ilin unuigi kaj perfektigi.

Depost la Oomoto-afero la nombro de ĝiaj filioj reakcie kreskis diversloke en Japanujo per rapidaj paŝoj kaj hodiaŭ ni havas ĉirkaŭ 300 filiojn dum troviĝas kelkdekmiloj da kredantoj en nia lando. Lastan tempon Oomoto premis la manojn kun la nova ĉina religio kaj koreaj religianoj.

La Majstro restas nun eksterlande por tre grava mondpropagando; ni firme kredas, ke tempo venos tre baldaŭ, kiam la tuta mondo retrovos en Wanisaburo la duan revenon de Kristo. Li ja konstruos sur la tero eternan paradizon. Li havas de nasko signon de orion-stelaro sur sia dorso kaj najlsignojn sur siaj manplatoj.

Fine mi petas vin, estimata sinjoro, ke vi havu la bonecon antaŭlegi tiujn ĉi foliojn antaŭ samideanoj en via lando, kaj ankaŭ antaŭ la kongresanoj en Wien.

Kun kora saluto mi restas sincere via

I. Juri
sekretario de Oomoto Centra Oficejo.

P. S. Ni sendis al vi fotografaĵon de s-ro Wanisaburo.







## MIA FRATINO.

*Peter Altenberg.*

Jen, nun do estas malviva ankaŭ la viro, kiu sola ankoraŭ vivindigis la vivon al mi. Li bezonis min, la viro kun la multaj, amataj arĝentharoj, tiu maljunulo okdekkvinjara.

Mi sciis neniam, ke mi loĝis kune kun maljunulo.

Neniam mi tion sentis, neniam.

Nur se oni longe estis forestinta pro vizito aŭ teatro, li diris: „Dank' al Dio, ke vi reestas ĉi tie!" Li prizorgis neniam la sorton, sed legis diligente „Naŭdektri" de Viktor Hugo. Nun li estas dormirinta kaj postlasis al mi la Kolektitan Verkaron de Viktor Hugo en pompleda volumo kaj poreternan rememoron je sia boneco. Estas tiel malmultaj homoj vere bonaj kaj unu el ili foriris. Mi havas ankoraŭ du fratojn kaj unu fratinon. Se mi estus fariĝita malsanulflegistino tiam, kiam mi unuafoje eksuferis la malnoblecon de homoj, mi povus diri, ke mi posedas ankoraŭ ĉiujn, ĉiujn homojn, kiuj min bezonas! Sed tiel la eta rondo konstante malpligrandiĝas. Mia frato konsilis al mi, aĉeti japanaĵn, ornaĝilajn vualfiŝojn en kristalkuvo, sturnon kaj smaragdlezardojn. Mi provos. Tion ne estas rimedo por forgesi la doloron je l' amata maljunulo arĝenthara. Sed ĉar oni ekzistas, oni devas provi ion, tiel longe, ĝis oni estos unuiĝita.

Esperantigis *Senio Weingast.*

## TRA LA MONDO.

### DUDEK MIL MEJLOJN SUB LA MARO.

Angla submara boato H 26, kiu estas entute la plej granda submara boato, entreprenis vojaĝon, vere grandstilan. Tiu ĉi boato ekveturis sub la maro la 20an de januaro tiu jaro de Portmouth al Singapore kaj tuj reen. Tiun ĉi vojaĝon, entute dudek mil mejlojn, faris la boato seninterrompe sub la maro, sen ia akcidento. Ankaŭ ne estis necese, fari ian ajn riparon.

# Aŭstria Esperantista Delegitaro

## KION NI NUN BEZONAS.

Konsiderante la efikon de la XVIa je la publiko ni povas ĝoje konstati, ke ĝi estis tiom bona, ke estus grava peko, se ni aŭstriaj esperantistoj ne komprenus la devojn, kies senhezitan plenumon tiu bona efiko ŝarĝigis sur niajn ŝultrojn. Ni vidis, ke la plej gravaj aŭtoritatoj de nia ŝtato rigardas atenteme nian movadon kaj certe ne plu kontraŭstaros la iom-post-ioman efektivigon de niaj celoj. Do, ni devas forĝi la feron, dum ĝi estas varmega.

Komprenante ĉi tiun situacion la konferenco de A. E. D. decidis, kunveni la 1an de novembro 1924 en Graz por pretigi la laborplanon por la venonta agado.

Ĉar estas honora devo de ĉiu celkonscia esperantisto, kunlabori laŭforte, mi permesas al mi, konigi kelkajn ideojn laŭ mi taŭgajn por la progresigo de nia movado en Aŭstrio. Mi petas do ĉiujn grupojn, priparoli ilin antaŭ la novembra konferenco, por ke iliaj delegitoj povu vere reprezenti la ĉirilatajn decidojn de siaj societoj.

1. Ĉiu aktiva esperantisto nuntempe devas pagi sufiĉe grandajn sumojn, eĉ se li volas subteni nur la plej gravajn organizojn de nia movado, ĉar ili ĉiuj bezonas monon. Por prizorgi la bezonojn de centra organizo ankaŭ A. E. D. bezonas monon. Nun estas la demando, de kie ĝi prenu ĉi tiun ĉefan bezonaĵon, se la unuopaj esperantistoj ne plu povas pagi plian imposton kaj la societoj ne povas disponigi pliajn forpagojn?

Aliflanke ŝajnas esti certe, ke la grupoj aŭ societoj estas kapablaj, fari pli da laboroj ol estas necese por gvidi la lokan Esperantomovadon.

Pri tio mi proponas al la okazonta konferenco, principigi la metodon, ke ĉiujare alia societo estu la **ĉefloko** de A. E. D., kiu devas prizorgi la necesaĵojn de A. E. D.

Kelkaj eble kontraŭdiros, ke tiu ĉi metodo ne estas bona, ĉar A. E. D., sidante ekzemple en Salzburg, ne povus tiel efike influi la decidajn aŭtoritatojn estantajn en Wien.

Al tiuj mi simple respondas, ke pri la ĉefloko nur temas rilate la preparojn de petskriboj k. t. p. al ministrejoj kaj ke la transdono de tiuj skribaĵoj povus okazi per petita ano — ĉu unuopa persono, ĉu societo — de A. E. D. Mi havas la konvinkon, ke ĉiu memvole aniĝinta al A. E. D. volonte plenumos pro disciplino tiajn petojn.

La monelspezoj por unu jaro facile povas esti pagataj de kiu ajn societo, kapabla por tiu ĉi certe ankaŭ honoriga ofico. Krome la ĵus proponita sistemo ankaŭ vekus sanan konkuremon inter la partoprenantaj societoj.

2. En nia patrolando oni penegas oficiale kaj neoficiale, per ĉiuj rimedoj akceladi la evoluon de la fremdulaferoj. Estas mirige, ke la pri tio kompetentaj faktoroj ne jam sentis la mankon de Esperanto inter siaj rimedoj.

Do estus tasko de nia konferenco, pristudi ĉi tiun aferon kaj komisii la novan ĉeflokon, verki koncizajn skribaĵojn al la ministrejo por komerco kaj trafiko kaj al la diverslandaj oficejoj por fremdulaj aferoj (trafiko). La supre nomitan ministrejon oni devus klare atentigi, ke Esperanto devus esti instruataĵo en ĉiugradaj komercaj lernejoj.

3. Sama skribaĵo estu sendata al la ĝeneraldirektoraro de la poŝto, telegrafo kaj telefono, ke tiu dekretu la envicigon de Esperanto en la instruplanon de la kursoj por siaj estantaj kaj estontaj geoficistoj. En tiu skribaĵo oni petu, ke la landaj direktoraroj ricevu la ordonon, intertrakti la okazigon de la instruado kun la landaj Esperantosocietoj.

4. La ministrejo por internaj aferoj (oficejo de la liglanda kanceliero) estu instigata, aranĝigi Esperantokursojn por ĝendarmaro kaj polico.

Kompreneble la liglandaj estraroj

de polico kaj ĝendarmaro ankaŭ devus pritrakti la aferojn kun la koncernaj Esperantosocietoj por eviti ĥaoson rilate la instruantojn k. t. p.

5. Ankaŭ la soldatoj de nia malgranda armeo devas partopreni diversajn kursojn kaj mankas al ili kursoj pri Esperanto, kiun lingvon ili tre bezonus en militaj tempoj — kiuj ja bedaŭrinde ankoraŭ ne pasis por ĉiam — ĉar la „Ruĝa Kruco“ tre simpatias kun Esperanto kaj la idealo, ke vunditoj kaj sanigistoj de ĉiuj nacioj sin tuj komprenu, estas nepre aspirinda.

Tial ni proponu niajn servojn ankaŭ al la ministrejo por la armeo, laŭ kies ordono la komandoj de la brigadoj aranĝu la aferon kun la Esperantosocietoj en la landoj.

Jen miaj proponoj al nia dua ĉefkunveno. Ĉar ili postulas grandan laboron, ĉiu Esperantosocieto en nia ŝtato povus tre faciligi ĝin, se ĝi sendos al Graz delegiton kun jam preta teksto de unu el la ĉi tie proponitaj skribaĵoj. Mi mem promesas verki tiun ĉe p. 4a de tiu ĉi artikolo.

*D-ro Adolf Halbedl,* Graz.

# Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista

Centro: Bisamberg n-ro 248 apud Wien.

**RAPORTO.**

La 6an kaj 7an de aŭgusto estis kunvenoj de Internacia Asocio Esperantista Fervojista (I. A. E. F.) refondita dum la XIIIa.

La aŭstria delegito kaj la anstataŭanto de la germana delegito proponis ŝanĝon de la ŝtatutoj pro maltaŭgeco de la ĝisnuna konstruo kaj labormaniero de la Asocio. La fakto, ke la anaro malpliiĝis de iam pli ol 300 ĝis 34 pagintaj membroj, montras sufiĉe, ke la farita propono estis necesega. Sed la prezidanto kaj sia samjesularo kontraŭstaris kaj perfortige ne permesis voĉdonadon pri tiu propono. Ili volis prokrasti la aferon al la kunveno dum la XVIIa. Ankaŭ simplan, sed laŭ opinio de la menciitaj delegitoj necesan ŝanĝon de la tagordo ili malpersis.

Ankaŭ admono al prezidanto, ke li per tiu perfortigo detruas I. A. E. F. ne havis rezulton. Tial la aŭstriaj, germanaj, polaj, italaj, svedaj kaj kelkaj ĉeĥaj kolegoj tuj foriris el la kunsido kaj fondis la 7an posttagmeze T. E. L. F. sur pli bona bazo. Du tagojn poste la nova prezidanto de I. A. E. F., nuntempe eble 20 membra, venis al mi kaj volis instigi min kaj miajn samopinionantojn, reveni al I. A. E. F.

Tiun nature ni rifuzis, sed invitis la malmultajn I. A. E. F.-anojn, kunlabori kun ni je komuna celo pligrandetigante nian T. E. L. F.-on.

T. E. L. F. havas ĝisnun pli ol 180 pagintajn anojn. *Hugo Steiner.*

## Regularo

de la

*Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista*

(T. E. L. F.)

Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista celas:

a) propagandi kaj instrui la lingvon Esperanto inter la fervojistaro,

b) eldoni fakrevuon kaj fakan terminaron,

c) klopodi enkonduki Esperanton ĉe fervojoj,

d) plifaciligi al gemembroj kaj iliaj familianoj la vojaĝadon kaj restadon en eksterlando.

La Ligo estas neŭtrala rilate al religio, nacieco kaj politiko. En ĝi viroj kaj virinoj estas egalrajtaj kaj elekteblaj en ĉiujn postenojn.

La Ligo konsistas el:

1. landaj organizoj (L. O.) kaj izolaj membroj en tiuj landoj, kie ne estas jam starigitaj L. O.-j. Tiuj ĉi izoluloj havas rajton kaj devon, fondi L. O.-n, se almenaŭ kvin kolegoj tie troviĝas. L. O. estas memstara en sia agado;

2. reprezentantaro. L. O. rajtas elekti

po unu delegiton por ĉiu komencita deko da gemembroj, kiu havas unu voĉon. Estro de L. O. estas reprezentanto kaj samtempe delegito de sia lando por la unua deko da membroj. Kie ne ankoraŭ ekzistas L. O., T.E.L.F.-a estraro decidas, kiu el la izolaj gekolegoj estu reprezentanto. La reprezentantoj havas la devon, alsendi ĉiumonatajn raportojn pri okazintaĵoj en la esperantista fervojista vivo de iliaj landoj al T.E.L.F.-estro, kiu publikigos ilin en nia gazeto;

3. T.E.L.F.-a estraro:

a) prezidanto,
b) vicprezidanto,
c) sekretario,
d) kasisto,
(a—d el la sama lando)
e) du konsilantoj el najbara lando.

L. O. rajtigu por la tuta nombro de siaj voĉoj unu aŭ kelkajn personojn voĉdoni en jarkunveno. T.E.L.F.-a estraro estas elektata en jarkunveno per absoluta plimulto da voĉoj por la daŭro de unu jaro. Reelekto estas permesata.

La prezidanto reprezentas la Ligon ĉiuflanken. La estraro kunvokas la jarkunvenon kaj publikigas la tagordon almenaŭ du monatojn antaŭe.

La proponoj diskutotaj en jarkunveno devas alveni al la estraro ne pli malfrue ol ses semajnojn antaŭ la kunveno.

La administra jaro daŭras ĉiam de 1. aŭgusto ĝis 31. julio. L. O. pagas por ĉiu aliĝinta membro la kotizon senpere al la estrarkasisto. La kotizo estas fiksota en ĉiu jarkunveno.

Disiĝo de la Ligo okazas nur, se kvar kvinonoj de ĉiuj rajtigitaj voĉoj por tio voĉdonas. En tiu ĉi okazo la havajon ricevas iu Esperanta organizo destinota per simpla plimulto da la voĉoj.

*

Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista estis fondata la 7. aŭgusto 1924 dum la XVIa en Wien.

Estis elektataj prezidanto s-ro Hugo Steiner (Bisamberg apud Wien), vicprezidanto s-ro Hans Lachmann (St. Pölten), sekretario s-ro Oskar Schröder (Wien), kasisto s-ro Josef Wimmer (Wien), ĉiuj el Aŭstrio; konsilantoj s-ro Josef Barvíř (Brno) kaj s-ro Josef Řebiček (Olomouc), ambaŭ el Ĉeĥoslovakio; reprezentantoj por Ĉeĥoslovakio s-ro Josef Barvíř en Brno, Pražská 23, por Germanlando s-ro Georg Habellok en Breslau 10, Schleiermacherstrasse 19, por Italio s-ro Jacobo Rose en Trieste, v Tor S. Lorenzo 10, por Polujo s-ro Johann Tichowski en Kattowitz, ul. Plebiscytowa 25, III, kaj por Svedujo s-ro Axel Elfving en Västerås, Storagatan n-ro 45.

La kotizo por la jaro 1924/25 estas por Aŭstrianoj 22.000 aŭ. K, por Germanoj 1.50 ormarkojn, por ĉiuj Alilandanoj 2.70 svis. fr. Por tio ĉiu membro ricevas la oficialan organon „Aŭstria Esperantisto“, kiu aperas monate.

## ALVOKO!

Fervojistoj interrilatigu vin al T.E.L.F.-reprezentantoj. Kie ne estas ankoraŭ tiaj, anoncu vin al T. E. L. F.-estro, por ke vi fariĝu reprezentanto de via lando. Poste fondu L. O.-n kaj aliĝu la L. O.-anojn al T. E. L. F. Nepre bonvolu kunlabori sendante artikolojn por nia faka parto. Aŭstriaj kolegoj ne ankoraŭ estantaj L. O.-anoj skribu al s-ro Hugo Steiner, Bisamberg apud Wien, L. O.-estro por Aŭstrio.

## FAKA VORTARO.

Nia plej urĝa laboro estas kaj estos la stariĝo de faka vortaro. La subskribinto laboras jam de longa tempo je tiu grava tasko kaj eldonis vortareton fervojan[1]) en germana kaj esperanta lingvoj. Ĉi tiu vortaro nur estas provo kaj instigilo, por ke la kolegaro kritiku kaj proponu pli taŭgajn esprimojn. Sed ĝi nur estas destinata por kolegoj sciantaj la germanan lingvon.

Ni nun devas verki vortareton, kiu estas uzebla por la tutmonda fervojistaro, do nuran esperantan, kia estas la vortaro de Kabe. Ĉi tiu tasko nur estas

[1]) Havebla kontraŭ tri respondkuponoj.

efektivigebla, se ĉiuj gekolegoj kunlaboras.

Pro tio denove mi alvokas la kolegaron. Helpu ĉiuj, kiuj estas kapablaj, por ke ni baldaŭ havu nian vortaron!

La labormetodo estu jena: Oni prenu folieton $11^1/_2 \times 8^1/_2$ cm kaj skribu en la maldekstra supra angulo Esperante la terminon (en krampoj: la tradukon nacilingvan kaj, se eble, ankaŭ alilingvan) kaj en la mezo esperantlingve la klarigon. Do jenmaniere:

$11^1/_2$

vagono (Waggon)

surrela veturilo

$8^1/_2$

Se la provizo da vortoj estos sufiĉe granda, ni publikigos la trovitajn esprimojn en nia fakfolieto (aldono al „Aŭstria Esperantisto").

Do antaŭen, ĉiu helpu! La folietojn kun la fakvorto bonvolu sendi al la subskribinto.

Georg Habellok, ferv. insp.
Breslau 10 (Germanlando)
Schleiermacherstrasse 19.

**INTERNACIA KONGRESO DE FERVOJISTOJ EN LONDON 1925.**

Ĉeĥa kolego sendas jenan eltranĉaĵon el ĉeĥa gazeto: „Internacia kongreso de fervojistoj okazos en julio 1925 en London por festi centjaran datrevenon de konstruo de la unua fervojo." Certe T. E. L. F. partoprenos oficiale.

# Universala Esperantista Pacifista Ligo

Centro: Wien I, Hofburg (Aŭstrio).

U. E. P. L., fondita 1923 en Nürnberg, aranĝis en la kadro de la XVIa tri laborkunsidojn: la 7an, 8an kaj 12an de aŭgusto, kaj unu brilegan manifestadon la 12an posttagmeze.

La ĉefaj rezultoj de la laborkunsidoj estas jenaj decidoj:

La Centro de U. E. P. L. estas de nun en Wien.

La nova Ligestraro konsistas el:

Honora prezidantino: s-ino Klara Zamenhof; prezidantino: s-ino Julia Isbrücker, 10 van Beverningstraat, Hago, Nederlando; afergvidanta vicprezidanto: s-ro Walter Smital, Wien; ĝenerala sekretario: Rud. M. Frey, Wien; kasisto: Karl Klausnitzer, Wien; vickasisto: Viktor Kasmader, Wien.

La oficiala organo de U.E.P.L. estas „Aŭstria Esperantisto".

La Ligo laboros laŭ la programo de l' „Sepjara internacia movado kontraŭmilita" de Gustav Spiller, Genève.

La Centro estas komisiita, firme organizi la Ligon per elekto de landaj sekretarioj interkonsente kun la plej gravaj porpacaj societoj diverslandaj.

*

La „Pacifista Manifestacio" okazis lunde, 11. aŭgusto, je la 3a 30 en la granda salonego de Wiener Konzerthaus (kongresejo) kaj estis partoprenata de pli ol 3000 personoj.

Enkondukante s-ano Karl Mätzl bonege ludis sur la granda orgeno „Preludon en Es" de Joh. Seb. Bach.

Poste la preparinto de la aranĝo s-ano Rudolf Frey salutis la kunvenintojn, precipe la honoran prezidantinon de la Ligo s-inon Zamenhof, la reprezentanton de Aŭstria Respubliko s-ron sekc.-kons. d-ron Maximil. Hell, la anstataŭanton de la eksĉefministro kaj policprezidanto Schober, s-ron policdirektoron d-ron Schulz, la reprezentanton de l' komunumo Wien kaj ĉiujn aliajn ĉeestintajn eminentulojn. Li ankaŭ nekrologis pri la mortinta prezidanto de U. E. P. L., lia prelata moŝto Alexander Giesswein, Budapest. Fine li konigis la elektproponon de la preparinta laborkunsido, laŭ kiu la Ligestraro estis elektata per aklamo.

Jenaj organizoj, respektive personoj letere aŭ telegrame simpatisalutis la

pacifistaron: La prezidanto de l' Aŭstria Respubliko d-ro H a i n i s c h, ministro por instruaferoj d-ro S c h n e i d e r, Internacia Virinligo por Paco kaj Libereco (Genève), Internacio de Kontraŭmilitistoj (London), la brita sekcio de „Neniam plu militon!“, Esperantista Pacifista Ligo de Finnlando, la prezidanto de l' Aŭstria Pacifista Societo s-ro Rud. G o l d s c h e i d, Bulgara Vegetara Asocio, s-ino H a n k e l, Dresden, prof-ro O. S i m o n, Wien.

S-ro A. D e g e n, prezidanto de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj, salutis la kunvenintaron nome de tiu Asocio menciante la gravan rolon de l' edukado por la venko de la pacidealo.

Sekvis parolado de s-ro d-ro S u e s s, profesoro kaj dekano de la filozofa fakultato de l' universitato en Wien. Li traktis ĉefe jenajn pensojn: Se ni celas disvastigante la Zamenhofan lingvon alproksimiĝi reciproke ankaŭ la korojn de la homoj, ni ne forgesu, ke ebliĝas eviti la armilojn nur, se regas fidemo inter popoloj. Ne povas ekzisti justeco sen veremo. Kiel la sciencoj konstruas la grandegan konstruaĵon, de ĉiu nacio kompletigatan, la unu homan ekkonon, tiel ni ĉiuj helpu al efektiviĝo de l' unu homa moralo. Antaŭ ĉio devas esti postulata de la popoloj veremo.

Precipe interesaj estis la pensoj pri la paco elparolitaj de la ĉina verkisto s-ro K e n n. Salutinte Aŭstrion, la urbon Wien kaj la esperantistajn pacifistojn li rakontis pri la pacideo de l' Ĉinoj. „Bona filo ne soldatiĝas“, diras ĉina proverbo. La ĉina esprimo por paco estas kunmetita substantivo, kies unua parto signifas harmonion, la dua egalecon. Ne povas ekzisti vere paco sen egaleco; kie ekzistas superuloj kaj subuloj, tie mankas la necesa natura bazo por paco. Ni celu egalecon kaj ni akiros la pacon.

Post paŭzo trafluis la salonegon mistere la mallaŭtaj orgentonoj de belega „Benediktus“, komponita de Max Reger, ludita de s-ano M ä t z l.

Philipp v. Z e s k a, aktoro de Burgtheater, verve kaj kun profunda sento deklamis la majstropoemon „Preĝo sub la verda standardo“, kiun sekvis la emociiga parolado de la Ligprezidantino s-ino I s b r ü c k e r: Ege bonkora, sed energia kiel ĉiam. Ĉefaj pensoj: Travivinte la teruraĵojn de la mondmilito kaj spertinte ĝian senrezultecon, konsiderante la nurdanĝerecon de reaj militpreparoj oni nur povas voli pacon senkondiĉan kiel bazon por estonta paca vivado. La scienco, kiu multan bonon havigis al la homaro, ne povis solvi la militproblemon; male ĝi havigis al la popoloj plej akrapense preparitajn mortigilojn. La milito alportis al ĉiuj nur malutilon aŭ ŝajnutilon, plej grandan per la reciproka venenigo de la mensoj. Ankaŭ ne estas dube, ke venonta milito estos pli terura, pli barbara ol la pasinta. Nun jam pli multaj armiloj estas fabrikataj ol en la lastaj militjaroj. Sciante tion ni pacifistoj devas prepari militon kontraŭ la milito. Ni ĉiam memoru la ĉefan ideon: Ne povas okazi milito, se la popoloj ne volas ĝin; kaj tiuj popoloj estas ni ĉiuj! Komprenu la patrinoj, ke ili dolore naskis siajn idojn kaj zorgoplene edukis ilin ne, por ke ili estu memmortigontoj; komprenu la edukantoj, ke ili instruante malamon ne servas al sia popolo endanĝerigante ĝin nesaveble pro gasbomboj venenigantaj tutajn regionojn; komprenu ĉiuj, ke estas sensence ne malpli ol nemorale, pli volonte morti ĉirkaŭata de malvero ol vivi vereme. Se ni komparas militemon al epidemio, ni devas forigi la bacilojn, per kiu la interpopola atmosfero estas venenigita: la malfidon, malamon inter la homoj. Ni purigu je ili nian animon, ĉiu komencu je si mem! — Praktikan vojon montras al ni la programo „Sepjara agado por forigi militon“[1]) de Gustav Spiller, Genève, kiun ankaŭ sekvos U. E. P. L. — Praktike kaj energie ni agu diligente por konstruo de nova, pli bona mondo pli sana, pli morala, pli feliĉiga.

Post s-ino Isbrücker faris s-ro d-ro P r i v a t la ĉefparoladon de la Mani-

[1]) Publikigota en venonta numero.

festacio brilegan kiel kutime. Ni ĝin raportos detale en venonta numero.

Entute la impreso de l' vespero estis impona kaj neforgesebla.

(Daŭrigota.) *W. Smital,* Wien.

## PETO

al ĉiuj Esperanto-Societoj en Aŭstrio!

Konsiderante la gravecon de la fortkunigo por la pacifista movado ni petas vin ĝentile, atentigi pri Esperanto la diversnuancajn pacifistojn en via ĉirkaŭaĵo. Estos kompreneble honora devo de la samlokaj esperantistoj, disponigi al interesuloj taŭgajn instruontojn.

Esperanto-sekcio
de Kontraŭuloj de l' militservo
en Aŭstrio.

## RADIO KAJ ESPERANTO

La XVIa Universala Kongreso de Esperanto per la paroladoj de l' sinjoroj Isbrücker (Holando), Pitlik (Ĉeĥoslovakio), Balkany (Hungarujo), Saggiori (Italio), Grenkamp (Polujo), Marchard (Anglujo), Mangada (Hispanujo), Fischer (Romanio) kaj Krestanov (Bulgarujo) fortege interesigis la aŭstrian radiopublikon je la problemo de la internacia lingvo. La firmo „Radio-Hekafon“ (Czeija, Nissl & Co.) pro la afabla disponigo de sia sendstacio en la Teknologia Metia Muzeo, Wien IX, akiris honoran lokon kiel pioniro de nia ideo en nia lando. Ankaŭ la radioĵurnalo „Radiowelt“ (Radiomondo), Wien III, meritas la dankon de la Esperantistaro pro ĝiaj favoraj poresperantaj artikoloj en la lastaj numeroj aperintaj. En la kajero 24a en artikolo pri nia XVIa oni legas: „Esperanto estas lingvo por ĉiuj, Radio estas la lingvo al ĉiuj.“ La devo de la esperantistaj societoj estas nun, atentigi iliajn membrojn je radio, la plej grandioza kaj plej grava elpensaĵo de la XXa jarcento. La societoj devas havigi al si radioaparatojn (imitante la societojn de Saalfelden kaj de Rattenberg) kaj praktike montri la neceson de la radio kaj pere de ili varbi radioamatorojn inter la Esperantistaro.

La „Libera Esperantista Laborkomunumo“, Wien VII, Lerchenfelderstrasse 23, petas ĉiujn gesamideanojn, kiuj posedas aparatojn aŭ kiuj interesas pri radio, sendi al ĝi plej baldaŭe siajn adresojn por starigi adresaron de esperantistaj radioamatoroj kaj por doni al la interesuloj precizajn informojn. En la ĉefartikolo de la supre citita numero de la „Radiowelt“ estis skribata: „Ili (Radio kaj Esperanto) estas bonaj amikoj kaj, se ne ĉio trompas, ili iĝos ankoraŭ pli bonaj.“ La Esperantistaro devas verigi ĉi tiujn vortojn kaj per tio pli rapidigi la oficialigon de Esperanto kaj la venkokuron de Radio.

*Rajm. A. Čech,* Wien.

Eldonanto: Esperanto Unuiĝo en Korneuburg (Redaktoro: Hugo Steiner, Korneuburg, Hovengasse 12). — Presejo: Gstaltner & Co., G. m. b. H., Korneuburg, Kirchengasse 3.